Esperanto, il y a plus d'un an. Le secrétaire du Comité provisoire annonce qu'il recevra avec plaisir les Espérantistes étrangers à l'occasion de l'Exposition internationale qui aura lieu en cette ville de Novembre 1906 à Avril 1907. Avis aux amateurs de voyages autour du monde.

**Etats-Unis.** — *L'Espérantiste* annonce que l'Esperanto se développe de façon satisfaisante dans plusieurs villes de l'Amérique du Nord. Il cite les groupes de *New-York*, *Philadelphie*, *Cambridge*, *Everett*, *Portland; Boston* possède plusieurs organismes: « Boston Esperanto Society », « Esperanto Club de la Technology Club », « Blindula Klubo en la Perkins Institution ». Un club de dames a été fondé parmi les anciennes élèves du « Massachusetts Institute of Technology ».

L'intérêt s'éveille aussi dans les écoles supérieures: à *Boston*, à *Placksburg*, à *New-Brunswick*, à *Baltimore* Un mouvement existe dans un grand nombre d'autres villes, et il n'est pas excessif de prévoir, dans un délai assez rapproché, l'Esperanto faisant tache d'huile aux Etats-Unis et s'y répandant comme il s'est répandu en Angleterre, avec une rapidité foudroyante.

La grande presse américaine soutient le mouvement, d'ailleurs, et des journaux tirant à 100,000 exemplaires, comme le *Christian Endeavour World*, et à 500,000 ex. comme le *Ladies Home Journal*, publient des articles nettement favorables.

## La Presse Espérantiste.

**Espero Pacifista** attire l'attention des Espérantistes sur la « Internacia Societo Esperantista por la Paco », dont il est l'organe officiel. Le fond du programme de la Société est, comme le dit l'art. 1er de son règlement: 1° résoudre les difficultés internationales par l'arbitrage et travailler au rapprochement des peuples, 2° faciliter la tâche des autres Sociétés pour la Paix, en propageant parmi elles la connaissance et l'usage de l'Esperanto.

Dans son n° 10, «*Espero Pacifista* » fait remarquer que ni lui ni la Société dont il est l'organe n'ont quoi que ce soit de commun avec la propagande antimilitariste entreprise dans certains pays, et que l'idée de pacifisme est indépendante de l'idée d'antipatriotisme ou d'internationalisme.

L'adhésion à la Société comporte une cotisation annuelle de 5 fr., avec service gratuit de la revue. On admet des adhésions par groupes de 5 personnes moyennant une somme fixe de 5 fr., + 0,50 par personne, soit pour 2 personnes 6 fr., pour 5 personnes fr. 7,50.

On peut s'abonner à la revue (5 fr. l'an) sans adhésion à la Société.

S'adresser à Mr Gaston Moch, 26, rue de Chartres, *Neuilly-sur-Seine*, France.

J. Coox.

# La sabata gasttablo de Antverpenaj Esperantistoj.

**Unua kunveno.** — La kunvenintoj timete interparolas. Ili kuraĝas diri de tempo al tempo nur mallongan frazon, ĉar ili ne kutime parolas Esperanton. Ĉe la najbara tablo, dikaj bieramantoj, ludantaj per kartoj, aŭdinte la interparoladon, scievole aŭskultas; fine, ne komprenint e kaj rekomencante la ludon, unu el la ludantoj mokante diras: « Ĉu ili ne farus plibone paroli la ĥinan lingvon ol tiun ĉi barbaran elkraĉajon.... ».

**Post kvin semajnoj.** — La entuziasmaj Esperantistoj pli laŭte kaj efektive pli flue interparolas, iom post iom eĉ la plej timaj el la grupeto kuraĝas diri kelkajn vortojn. Oni nun aŭdas senĉesan serion da demandoj kaj da respondoj. Juna fervora doktoro parolas pri mastraĵo, virino pri sciencaj teorioj, grava barbulo klarigas kiel li enamiĝis. Personoj aŭdintaj la bonsonecon de la lingvo pensas ke tiuj klientoj, eble iliaj najbaroj, estas Italoj aŭ Hispanoj; sed post noktmezo la gaja esprimo «*je via sano*» fariĝas: « *op uw gezondheid, jongen,... blaas uit !...* Elblovu ! » ĉar Esperanto ekkreskas kun la gepatra lingvo ?

Alifoje, sinjoro kaj lia edzino, vespermanĝante, atente aŭskultas, ĉar niaj Esperantistoj, ĉiam trovintaj agrablan, ridigan, interesan subjekton por la interparolado, nun babiladas kiel papagoj. Fine, tiu sinjoro iom laŭte demandas sian edzinon ĉu ŝi scias kian lingvon ili nun aŭdas. Post ŝia nea respondo, li diras: « Estas Esperanto, la bela helpa lingvo, kiun oni povas lerni en kelkaj semajnoj; mi intencas lerni ĝin kiel eble plej baldaŭ ». Dum ĉe du aliaj tabloj la gastoj diskutas la utilecon kaj oportunecon de internacia lingvo, la Esperantistoj komencas interesan kaj sciencegan eksperimenton per alumetoj, ne forgesante senĉese uzi nian karan lingvon !

Tiamaniere, ĉiam pensante al la latina proverbo : « Utile dulci », antverpenaj grupanoj kuraĝe klopodas por la ..... afero, esperante ke baldaŭ novaj adeptoj venos pligrandigi ilian nombron.

Adolfo.

# Belga Kroniko.

Jen granda plenmano da novaĵetoj:

*La Métropole*, el Antverpeno, publikigis intersekve serion da artikoletoj pri Esperanto kaj Esperantistoj: la 18an de Majo, anoncon pri la Geneva Kongreso; la 25an, artikoleton pri: « Esperanto ĉe la Ruĝa Kruco », medicina vortaro de Do Rodet, kaj alia vortaro de maraj esprimoj, de So inĝeniero Rollet de l'Isle, ambaŭ kun esperanta traduko; la 11an de junio, avizon al Esperantistoj, sciigantan ke, en Eperjes (Hungarujo), la loĝantoj parolas ses malsamajn lingvojn, kaj ke, tie, la helpa lingvo estus tre utila; la 13an de Junio, artikolon kiu apogas la ideon eldonitan de nia kunlaboranto L. Blanjean por ke la Kongreso de 1907 okazu en Antverpeno; fine, la 22an de Junio, longan artikolon (proksimume unukolonan) pri la ĵusa fondiĝo de la Germanlingva Societo Esperantista.

*La Presse*, el Antverpeno, 20an de Majo, citas laŭde nian gazeton. Dank'!

*Le Travail*, 6an de Majo, *L'Union Libérale*, 8an de Majo, ambaŭ el Verviers, sciigas la fakton, jam de ni raportitan, ke la Komerca Ĉambro de Londono akceptis Esperanton same kiel la fremdnaciajn lingvojn.

*L'Éducateur*, ankaŭ el Verviers, publikigis dukolonan artikolon por konigi Esperanton. Tiun artikolon verkis So Lambrette, membro de la Verviers' a Grupo.

*La Gazette de Huy*, de la 3a de Junio, publikigas, en Esperanto, artikoleton titolatan « Kelkaj vortoj pri lingvo internacia ».

Ni rememorigu ke la urbeto *Huy* posedas, de kelkaj monatoj, grupon tre ageman; al ĝia iniciativo ni ŝuldas la publikigon de dirita artikolo.

Tio montras kiom utile estas ke ĉiu urbo havu grupon laboreman, kunvenantan regule, tiamaniere ke ĝi altiru ĉies atenton al nia entrepreno. Tia

---

## CHRONIQUE BELGE.

Une grosse poignée de petites nouvelles :

*La Métropole*, d'Anvers, a publié coup sur coup une série d'articulets à propos d'Esperanto et d'Espérantistes : le 12 Mai, annonce du Congrès de Genève ; le 25, un petit article sur : « l'Esperanto à la Croix Rouge », le dictionnaire de médecine du Dr Rodet, et un autre dictionnaire contenant les termes maritimes, de Mr l'ingénieur Rollet de l'Isle, tous deux avec traduction en Esperanto : le 11 Juin, un avis aux Espérantistes, signalant qu'à Eperjes (Hongrie) les habitants parlent six langues différentes, et que la langue auxiliaire y rendrait de grands services ; le 13 juin, un article qui appuye l'idée émise par notre collaborateur L. Blanjean de tenir le Congrès Espérantiste de 1907 à Anvers ; enfin, le 22 juin, un long article (près d'une colonne) à propos de la récente fondation de la Ligue Espérantiste Allemande.

*La Presse*, d'Anvers, 20 mai, cite d'une façon élogieuse notre journal. Merci !

*Le Travail*, 6 Mai, *L'Union Libérale*, 8 mai, tous deux de Verviers, signalent le fait, déjà rapporté par nous, de l'admission de l'Esperanto par la Chambre de Commerce de Londres, au même titre que les langues étrangères.

*L'Educateur*, également de Verviers, a publié un article de deux colonnes pour faire connaître l'Esperanto. Cet article est écrit par Mr Lambrette, membre du groupe espérantiste de Verviers.

*La Gazette de Huy*, du 3 juin, publie un articulet en Esperanto, intitulé : « *Kelkaj vortoj pri lingvo internacia* », c.-à-d. « Quelques mots au sujet de la langue internationale ».

Rappelons que Huy possède, depuis quelques mois, un groupe très-actif ; c'est à son initiative que nous sommes redevables de la publication de l'article susdit.

Ceci nous montre combien il est utile d'avoir dans chaque localité un groupe laborieux, se réunissant régulièrement, de façon à attirer l'attention publique sur notre entreprise. Pareil

## BELGISCHE KRONIJK.

*Een groote handgreep kleine nieuwstijdingen :*

— La Metropole, *van Antwerpen, heeft achtervolgens eene reeks artikeltjes medegedeeld naar aanleiding van Esperanto en Esperantisten : den 18n Mei, aankondiging van het congres van Geneve ; den 25n, een artikeltje over « het Esperanto en het Roode Kruis », het woordenboek van geneeskunde door Dr Rodet en een ander over de vaktermen van zeevaartkunde door den heer ingenieur Rollet de l'Isle, beide met vertaling in Esperanto ; den 11n Juni, een bericht aan de Esperantisten, meldende, dat in Eperjes (Hongarië) de inwoners zes verschillende talen spreken en dat daar de hulptaal groote diensten zou bewijzen ; den 13n Juni, een artikel het voorstel ondersteunende uitgebracht door onzen medewerker L. Blanjean, strekkende om het congres van 1907 in Antwerpen te houden ; eindelijk, den 22n Juni een lang artikel (bijna eene gansche kolom) naar aanleiding der onlangsche stichting van den Duitschen Esperantischen bond.*

— La Presse, *van Antwerpen, 20n Mei, spreekt met grooten lof over ons blad. Dank !*

— Le Travail, 6n *Mei*, l'Union Libérale, 8n *Mei, beide van Verviers, melden het feit, reeds door ons aangehaald, van de aanneming van het Esperanto door de Handelskamer van Londen, met hetzelfde recht als de andere vreemde talen.*

— L'Educateur, *eveneens van Verviers, heeft een artikel van twee kolommen afgekondigd om het Esperanto te doen kennen. Dit artikel werd geschreven door den heer Lambrette, lid der Esperantische groep van Verviers.*

— *De* Gazette de Huy, *van 3n Juni, deelt een artikeltje in Esperanto mede getiteld :* « Kelkaj vortoj pri lingvo internacia », *d. i. « Eenige woorden over eene internationale taal. »*

*Laten wij herinneren, dat Hoei sedert eenige maanden eene zeer werkzame groep bezit ; aan haar initiatief zijn wij de openbaarmaking van bedoeld artikel verschuldigd. Dit bewijst, hoe zeer het nuttig is in iedere plaats eene ijverige groep te bezitten, wier leden regelmatig samenkomen, derwijze, dat de openbare aandacht op onze onderneming getrokken wordt.*

grupo, se ĝi estas bone kondukata kaj eĉ se ĝi havas nur 40 membrojn, povas fari pli da bono ol tiu kiu havus 200 membrojn, sed kies ekzisteco estas nekonata.

*Le Voyageur*, el Bruselo, organo de la Ĝenerala Societo de l' Komerc-Vojaĝistoj de Belgujo, publikigis plene la raporton kiun legis S° Géhet (Francujo) ĉe la Kongreso de Oficistoj, en Londono, por peti la alprenon de Esperanto ĉe la Federacio de Oficistoj.

*Unitas*, el Antverpeno, organo de la samnoma Societo de Komerc-Oficistoj, publikigis la decidon per kiu tiu kongreso alprenis Esperanton por sia propra uzo.

Oni permesu ke ni tie ĉi bedaŭru la fortenon — nepravigitan kaj nepravigeblan — de l' ĵurnalo *Concordia*, organo de l' Sindikato de Komerco kaj Industrio de Antverpeno. Tiu gazeto ne diris unu vorton, nek pri la Kongreso, nek pri la demando pri Esperanto kiun oni tie diskutis — kaj favore solvis.

*L'Instituteur Belge* (I Savres) kaj *De Nationale School* (Fr. Swagers kaj Ad. Finet) daŭrigas siajn kursojn pri Esperanto, la unua france, la dua flandre.

*Le XX^e Siècle*, el Bruselo, daŭrigas publikigi regule ĉiusemajne siajn esperantajn artikolojn. Tiuj artikoloj estas tre interesaj, ĉar ili venas de ĉie : 13^an de Majo, artikolo de l'Esperantista Grupo de Prague (Bohemujo), pri la bohema fako ĉe la Ekspozicio en Londono, dum 1906 ; 20^an de Majo, angla kunlaboranto, S° Ch. Reeve, el Londono ; 10^an de Junio, artikolo de S° Hulanicka (Polo) ; 24^an de Junio, traduko de artikolo el la *Morning Leader* pri neceseco de helpa lingvo se oni intencas alveni ĝis efektiva « kora interkonsento ».

Se ni kredas tion kion oni diris al ni, la lieĝaj gazetoj ŝajnis, ĝis nun, ne helpemaj por nia propagando.

*L'Express*, de la 13^a de Junio, eniras la movon, prezentante al siaj legantoj

---

groupe, ne comptât-il que 40 membres, peut, s'il est bien conduit, faire plus de bien que celui qui en aurait 200, mais dont on ignore l'existence.

*Le Voyageur*, de Bruxelles, organe de la Société Générale des Voyageurs de Commerce de Belgique, a publié in extenso le rapport lu par M^r Géhet (France) au congrès des employés, à Londres, pour préconiser l'adoption de l'Esperanto par la Fédération des Employés.

*Unitas*, d'Anvers, organe de la Société d'Employés de Commerce du même nom, a publié la résolution par laquelle ce Congrès a décidé d'adopter l'Esperanto pour les besoins de la Fédération.

Qu'il nous soit permis de regretter ici l'abstention — injustifiée et injustifiable — du journal *Concordia*, organe du Syndicat du Commerce et de l'Industrie d'Anvers. Ce journai n'a pas dit un mot ni du Congrès de Londres, ni, par conséquent, de la question de l'Esperanto que l'on y a discutée — et résolue dans un sens favorable.

*L'Instituteur Belge* (I. Savres) et *De Nationale School* (Fr. Swagers et Ad. Finet) continuent leur cours d'Esperanto, le premier en français, le second en flamand.

*Le XX^e Siècle*, de Bruxelles, continue à publier régulièrement chaque semaine des articles en Esperanto. Ces articles sont très intéressants, parce que venant un peu de partout : 13 mai, article du Groupe Espérantiste de Prague (Bohême), à propos de la section bohémienne à l'Exposition de Londres en 1906 ; 20 mai, collaborateur anglais M^r Ch. Reeve, de Londres ; 10 juin, article de M^r Hulanicka, polonais ; 24 juin, traduction d'un article du *Morning Leader* sur la nécessité d'avoir une langue auxiliaire si l'on veut arriver à une « Entente Cordiale » effective.

Si nous en croyons certains correspondants, les journaux liégeois ne semblaient, jusqu'à présent, guère disposés à nous aider dans notre propagande.

*L'Express*, du 13 juin, entre dans le mouvement en présentant à ses lecteurs le compte-rendu d'une conférence espé-

*Zulke vereening, al telde zij slechts een 40 tal leden, kan, indien ze goed geleid wordt, meer goeds stichten dan eene die er 200 zou tellen, en waarvan men zelfs het bestaan niet kent.*

— Le Voyageur, *van Brussel, orgaan van de algemeene maatschappij der Belgische handelsreizigers, heeft* in extenso *het verslag medegedeeld, dat door den heer Géhet (Frankrijk) bij het congres der handelsbedienden werd voorgedragen.*

— Unitas, *van Antwerpen, orgaan der handelsbediendenmaatschappij van dien naam, heeft eveneens het besluit afgekondigd, door hetwelk dit congres het Esperanto aanneemt voor de noodwendigheden der federatie.*

*Het zij ons toegelaten hier de onverrechtvaardigde en met te verrechtvaardigen houding te betreuren van het nieuwsblad* « Concordia », *orgaan van het Antwerpsch syndicaat van handel en nijverheid. Dit blad heeft geen woord gerept, noch over het congres van Londen, noch over de quæstie van het Esperanto, die men daar in gunstigen zin heeft besproken — en opgelost.*

— L'Instituteur belge *(I. Savres) en* De Nationale School *(Fr. Swagers en Ad. Finet) zetten hunne leergangen van Esperanto voort, de eerste in het Fransch, de tweede in het Nederlandsch.*

— Le XX^e Siècle, *van Brussel, gaat voort wekelijks regelmatig artikels in Esperanto mede te deelen. Deze bijdragen zijn zeer belangwekkend, daar zij zoo wat van overal komen : 13^n Mei, artikel van de Esperantische groep uit Praag (Bohemen), naar aanleiding der Boheemsche tentoonstelling in Londen (1906) ; 20^n Mei, artikel van een Engelschen medewerker, den heer Ch. Reeve, van Londen ; 10^n Juni, artikel van den heer Hulanicka, Pool ; 24^n Mei, vertaling van een artikel uit den* Morning Leader *over de noodzakelijkheid eener hulptaal om tot eene wezenlijke « hartelijke verstandhouding » te geraken.*

— *Moeten wij sommige briefwisselaars gelooven, dan schenen tot nu toe de Luiksche dagbladen er weinig toe geneigd ons in onze propaganda te helpen.*

L'Express, *van 13^n Juni, treedt evenwel in de beweging, met aan zijne lezers het verslag mede te deelen eener Espe-*

raporton pri priesperanta parolado farita de S° L. Blanjean en *Fléron*, antaŭ aro da 50 geinstruistoj.

*L'Express* priparolas tre laŭde la paroladinton kaj Esperanton.

***

Fine, ni raportu tion kion skribis al ni iu el niaj plej fervoraj partianoj :

**Esperanto ekeniras ĉien.** — Antaŭ kelkaj tagoj, promenante, mi alvenis en *Haltinnes*'on, malgrandan vilaĝon de la Namur'a provinco. Tie, granda festo ! Ĉie vidiĝis standardoj, gvirlandoj, floroj ; ĉe ĉiu strato, triumfaj pordegoj ornamitaj per kronogramoj latinaj kaj francaj.

Lia episkopa Moŝto vizitis la vilaĝon kaj la loĝantaro ricevis lin belege. Nu ! apud la parohestra domo mi legis miregante la jenan kronogramon :

saLVton eĈ Dankon
Ĉar Ĉeestas
L'epIskopo aMata.

J. Coox.

rantiste donnée par M[r] L. Blanjean à Fléron, devant un groupe de 50 instituteurs et institutrices.

*L'Express* parle d'une façon très-élogieuse et de l'orateur et de l'Esperanto.

***

Pour finir, signalons ce que nous écrit un de nos plus dévoués partisans :

« **L'Esperanto commence à pénétrer partout.** — Il y a « quelques jours, en me promenant, j'arrive à Haltinnes, petit « village de la province de Namur. Il y avait grande fête. Par- « tout se voyaient des drapeaux, des guirlandes, des fleurs ; à « chaque rue, des arcs de triomphe que l'on avait ornés de « chronogrammes latins et français.

« M[gr] l'Evêque visitait le village et les habitants lui faisaient « une réception magnifique. Or, près de la cure, je lus avec le « plus profond étonnement le chronogramme que voici :

saLVton eĈ Dankon
Ĉar Ĉeestas
L'epIskopo aMata.

Voici la traduction de cette inscription espérantiste :

SALUT, MÊME MERCI,
CAR L'EVÊQUE AIMÉ EST PRÉSENT.

J. Coox.

*rantische voordracht door M. Blanjean gegeven te Fléron, vòòr eene vergadering van een 50 tal onderwijzers en onderwijzeressen.*

L'Express *spreekt met den grootsten lof over den redenaar en over het Esperanto.*

***

*Laten wij om te eindigen vermelden, wat ons door een onzer verkleefdste partijgenooten wordt geschreven.*

*«* **Het Esperanto begint overal door te dringen.** — *Vòòr » eenige dagen kwam ik al wandelend in Haltinnes, een klein » dorpje der provincie Namen. Er had een groot feest plaats. » Overal zag men vlaggen, festoenen en bloemen ; in elke straat » waren triombogen opgericht, die men met Latijnsche en Fran- » sche jaarschriften had versierd.*

*» De heer Bisschop bezocht het dorp en de inwoners deden hem » een prachtig onthaal. Nu, dicht bij de pastorij, las ik met de » grootste verwondering het volgende jaarschrift :*

saLVton eĈ Dankon
Ĉar Ĉeestas
L'epIskopo aMata.

*De vertaling van dit Esperantisch opschrift is :*

*GROET, ZELFS DANK,*
*WANT DE BEMINDE BISSCHOP IS AANWEZIG.*

Amatus *(Vertaling).*

## Holanda kroniko.

Sinjoro J. v. d. Ende de l' Haga grupo faris, la 16[an] de Majo, paroladon pri Esp. en Hengelo (Tvento). La aŭdantaro estis sufiĉeta ; iom da lerniloj estis vendataj kaj oni antaŭvidas baldaŭan fondon de grupo.

Nia sekretario, Sinjoro D. F. Romein, komencis en Utreĥto kurson de Esp., por kiu 30 personoj sin enskribiĝis. La Utreĥta Grupo faris eksterordinaran kunvenon kun invititoj, en kiu sinjoro D[ro] Buart de la Faille traktis en Esp. vojaĝan aventureton travivitan de li, kaj ligis al tio la priparoladon de l' lingvaj reguloj. Tiu parolado estis atente aŭdata kaj pligrandiĝis la membraron. Mia kurso en Amsterdamo ankaŭ donas plene kaŭzon por kontenteco. Unu el la tieaj membroj ricevis el Rusujo ne transdoneblan poŝtkarton esperantan. Per surskribo en la sama lingvo la rusa poŝtisto sciigis sur ĝi la kaŭzon de tio. Palpebla pruvo de disvastiĝo de Esp. !

Ankoraŭ eltirajo de l' lasta poŝtkarto de nia bedaŭrinda Haldor Midthus :

« Tiu ĉi estas la lasta karto kiun vi ricevos de mi. Pro sanga elŝpruco en la gorĝo mi estas tre malforta. La fino estas veninta. Dankon pro ĉio ; adiaŭ, frato mia : Vi ofte ĝojigis min ! Miaj pensoj ofte dankeme flugas al vi. Mia filo sciigos al vi mian morton. Ricevu mian lastan saluton kaj manpremon. Mia batalado kun la morto komencas. Adiaŭ, fidela amiko Uitterdijk ! ».... Du semajnojn poste, mi estis sciigata pri lia morto. Li mem estis skribinta la adreson. Tuŝanta tragedio !

*Hilversum, 2[an] de Junio 1906[a].*

## Nederlands overzicht.

*De heer J. v. d. Ende van de Haagse Esp. groep hield 16 Mei te Hengelo (Twente) 'n voordracht over Esp. 't Bezoek was vrij voldoende ; verscheidene leerboekjes werden verkocht en eerlang wordt aldaar de oprichting ener groep tegemoet gezien.*

*Onze geheimschrijver, de heer D. F. Romein, is te Utrecht 'n leergang in Esp. begonnen, waarvoor zich 30 personen hadden opgegeven. De Utr. groep hield 'n buitengewone bijeenkomst met uitgenoodigden, waarop de heer D[r] Buart de la Faille in 't Esp. 'n door hem ondervonden reisvoorvalletje behandelde en daaraan de bespreking der taalregels vastknoopte. Die lezing werd aandachtig gevolgd en vermeerderde 't aantal leden. Mijn leergang in Amsterdam levert ook alle stof tot tevredenheid. Een der leden aldaar kreeg 'n Esp. briefkaart als onbestelbaar uit Rusland terug. Door 'n opschrift in dezelfde taal had de Russ. post daarop de reden hiervan meegedeeld. 'n Tekenend staaltje van de vlucht die Esp. neemt!*

*Nog 'n aanhaling uit de laatste briefkaart van onze betreurde Haldor Midthus :*

*« Dit is de laatste kaart, die ge van mij zult ontvangen. Door 'n bloeduitstorting in de keel ben ik zeer zwak. 't Einde is gekomen. Dank voor alles ; vaarwel, broeder ! Gij hebt mij vaak verheugd ! Mijn gedachten vliegen vaak dankbaar naar u. Mijn zoon zal u mijn dood berichten. Ontvang mijn laatste groet en handdruk ! Mijn doodstrijd begint. Vaarwel, mijn trouwe vriend Uitterdijk ! ».... Twee weken daarna ontving ik bericht van zijn dood. Hij zelf had 't adres geschreven. Treffend treurspel !*

Dreves Uitterdijk,
*Prez. de l' Hol. Esp. Soc.*

# DIVERSAĴOJ.

## Ruzaj Pekuloj.

I. — Vilaĝano iam venis ĉe la pastron, kaj diris al li :

— Sinjoro Pastro, sur la vojo mi trovis ŝnureton kaj konservis ĝin.

— Ĉu vi scias, kies ĝi estas ? diris la pastro.

— Neniel.

— Nu, vi povas konservi ĝin... Ĉu tiu ŝnureto estas longa ?

— Ho ! du metrojn proksimume.

— Tio estas tute negrava : ne pensu plu pri tio.

Duafoje la vilaĝano parolis pri la ŝnureto kun la pastro, kiu ree rekuraĝigis lin. Sed, ĉar triafoje li parolis pri la sama afero, la pastro malpacienciĝis kaj malpermesis ke li ankoraŭ parolu pri tio.

— Sed, Sinjoro Pastro, ĉu mi ne diris al vi, ke, ĉe la ekstremaĵo de la ŝnureto, estis ligata bovido ?

— Ho ! Ho !... tio estas tute alia afero ; vi devas serĉi la rajtan propraĵulon, kaj redoni al li la bovidon.

— Ne eble, Sinjoro Pastro, mi vendis ĝin.

— Nu, redonu la monon.

— Mi ne povas, Sinjoro Pastro, ĉar mi elspezis ĝin.

— Faru kiel vi volos, severe diris la pastro ; sed sciu ke, se vi estos ne redoninta la bovidon, ĝia mastro ĉeestos kun vi la lastan juĝon, por postuli ĝin de vi !

— Ĉu, Sinjoro Pastro, la bovido ankaŭ ĉeestos tie ?

— Certe ! senatente respondis la pastro.

— Nu, la mastro povos tiam ĝin repreni ; mi ne kontraŭstaros.

II. — Alia pekulo diris al sia pastro, kiu riproĉis lin, tial ke li ne konfesis dum Pasko :

— Mi faras tiom malmulte da peketoj, ke mi ne scias kion konfesi.

— Sed oni povas konfesi eĉ peketojn.

— Ho ! Sinjoro Pastro, se mi dirus al vi, ke mi batas mian edzinon kaj geknabojn ?... Kion vi dirus pri tio ?... Ke mi ĉiudimanĉe ebriiĝas ?... Kion vi dirus pri tio ?... Ke mi kelkafoje ŝtelas ?... Kion vi dirus pri tio ?... Ke mi...

— Kaj, interrompis la pastro, se mi dirus al vi, ke vi, pro viaj pekegoj, devos piede pilgrimi kun pizoj en viaj ŝuoj ?... Kion vi dirus pri tio ?

— Mi ?... tute nenion, Sinjoro Pastro... sed mi tuj pensus ke mi kuirigos la pizojn. E. V. Honincks.

---

Pro eraro ĉe la enpaĝigo, la lasta artikoleto de niaj « Diversaĵoj », en nia maja n°, estis neplena. Ni ĝin redonas, jene :

**Legita** sur vizitkarto de hispana artisto :

Pablo Hernandez
Faras portretojn.

Specialaĵo por militistoj, vartistinoj, servistoj kaj nutristoj de ambaŭ seksoj.

Neŝanĝebla prezo.

| | |
|---|---|
| Simileco garantiita | 30 pesetojn |
| Duona simileco | 20 pesetojn |
| Familia ŝajno | 10 pesetojn |

Sen pligrandigo de l' prezo par la klientoj makulitaj per erezipelo, kiom ajn ili estas difektitaj.

**Pri elpensinto de l' elektra horloĝo.** — Oni ordinare opinias ke la elpensinto de la elektraj horloĝoj estas la franca horloĝisto Bréguet. Tio ŝajnas eraro ; elpensis tiujn horloĝojn la Belgo Charles Nolet (el *Gento*), kies unuaj provoj okazis dum jaro 1850ª.

Dum jaro 1852ª, Nolet prenis patenton pri elpenso de « horloĝo aŭ ciferplato elektra », kaj la urbestraro de Gento permesis ke li metu, prove, en la stratojn, kelke da tiaj horloĝoj.

La provo estis tiel kontentiga ke, dum sia kunsido de la 19ª de Marto 1853ª, la urbestraro mendis cent elektrajn horloĝojn ; kaj tiuj ĉi jam funkciis antaŭ fino de l' dirita jaro.

Dum jaro 1856ª, la urbestraro de l' franca urbo *Marseille* ankaŭ mendis de Ch. Nolet elektrajn horloĝojn.

La 17ªⁿ de Julio 1856ª, la urbestraro de Gento sendis protestan leteron al la franca gazeto « *L'Illustration* », kiu estis citinta Bréguet'on kiel elpensinton de l' diritaj aparatoj.

**Grekaj elektadoj.** — La rimedo uzata en Grekujo por garantii la sekretecon de l' voĉdonado estas certe malmulte konata. Ĉiu kandidato havas apartan skatolegon, malantaŭ kiu staras unu el liaj riprezentantoj (partianoj) ; tiu ĉi laŭte krias lian nomon kiam voĉdonanto pasas antaŭ la skatolego. Ekstere, tiu skatolego havas la formon de longa kubo kun tubo sufiĉe larĝa kaj tiel longa kiel la antaŭbrako. Unu duono de l' skatolego estas kolorita blanke, la alia, nigre ; sur la blanka parto estas pentrita per dikaj literoj la vorto : « Nai » (jes) ; sur la nigra parto, la vorto : « Oxi » (ne). Interne, la skatolego estas dividita en du fakoj, respondantaj je la eksteraj koloraj dividoj, kaj en ĉiu fako estas malfermita sako. La voĉdonantoj, kies nomo estas enskribita en apartaj libroj, eniras kvarope en la ĉambron. Antaŭ la skatolego de ĉiu kandidato, oficisto, nomata « Sferiodoto » (bulodonanto), donas al ili bulon. Ili enigas la brakon en la tubon kaj metas la bulon en iun el la fakoj : en la « Nai », se ili voĉdonas favore, en la « Oxi », se ili voĉdonas malfavore. La tubo malhelpas ke la movo ĉu dekstren, ĉu maldekstren, de l' brako de la voĉdonanto, estu videbla, kaj tiel garantias la sekretecon de l' voĉdono.

Post la voĉdonado, la skatolegoj estas sigelataj, kaj poste, oni ekkalkulas la rezultaton de l' elektado, jene : oni rompas la sigelojn kaj malfermas la skatolegojn laŭ alfabeta ordo. Oni eltiras la sakon el la blanka fako kaj verŝas la bulojn sur truilon (abaque) enhavantan cent truojn. Tiamaniere la kalkulo por ĉiu kandidato estas rapide farebla, kaj tiu kiu akiris la plej grandan nombron da « nai » buloj estas proklamata deputato de la unuainstanca tribunalo de la regiono.

**Poŝtmarko por la respondo.** — La Universala Kongreso Poŝta, en Romo, solvis la demandon. Ĝis nun, kiam oni intencis antaŭpagi la respondon de sia eksterlanda korespondanto, oni enmetis, en sian leteron, sialandan poŝtmarkon, neuzeblan eksterlande, kiun la ricevinto bezonis vendi po malalta prezo ; sed ne ĉiam oni trovas aĉetantojn por tiaj poŝtmarkoj.

La Roma Kongreso aranĝis la aferon jene :

En ĉiu lando, la Poŝto disvendos pag-atestojn 28-centimajn, repageblajn de ĉiuj poŝtkontoroj de l' aliĝintaj landoj per 25-centimaj poŝtmarkoj.

Sed kiam komencos tiu sistemo, ni ne scias.

---

# Poŝta Kesteto.

**Afabla propono.** — Sinjoro Léonard Voncken, el *Taviers-sur-Méhaigne (Eghezée, Belgujo)*, sciigas nin ke li sendos Ĉeĥoĉ' ajn ŝlosilojn ĉiulingvajn, afranke, unu po 10 centimoj, dek po 50 centimoj, al ĉiuj Esperantistoj. Li akceptos pagon per poŝtmarkoj. Nia korespondanto klarigas ke li tion faras pro danko, ĉar li mem esperantiĝis per tiuj ŝlosiloj.

**S° Jostic, Antverpeno.** — Pri Espero framasona, mi povas nenion sciigi krom tio kion vi legis en nia junia n°. Tiun sciigon mi ĉerpis tia kia el alia jurnalo.

**Al niaj kunlaborantoj kaj korespondantoj.** — Ni tre petas de ili pardonon, tial ke ni ne ĉiam akurate respondas iliajn komunikaĵojn. Ni ĉiam konsideras atente tion kion ili sendas ; sed ni petas ke ili bonvolu lasi al ni la zorgon pri konvena momento por uzi ilian ŝatatan kunlaboron. Se, pro apartaj kaŭzoj, ili deziras ke iliaj artikoloj aperu en iu difinita n°, ili bonvolu tion klarigi ; ni faros ĉion eblan por ilin kontentigi.

**S° Kazi-Girej, Karbin.** — Mi ricevis de S° M. vian abonpagon (dankon !), kaj ĝojas tial ke mi, kiu tamen ne konas vin persone, fine sciiĝis pri vi, unu el la unuaj protektantoj de nia jurnalo. Bonvolu, tuj kiam vi havos tempon, doni al mi kelkajn novaĵojn pri la nuna stato de l' diversaj aferoj en Malproksima-Oriento. — La jam aperintajn n°ⁿ de B. S. mi forsendis, rekomende, pasintan monaton.

**D° Puzakov, Ĉertkovo.** — De multaj monatoj mi intencas skribi al vi, amiko ; sed miaj gravaj laboroj tion tute malebligis ĝis nun. Mi kore dankas vin pro via bela sendaĵo, ricevita antaŭ longe, kaj esperas reciproki post kelkaj tagoj. Pardonu mian longan silenton. J. Coox.

# BIBLIOGRAFIO.

**Tra la Mondo.** — Kun la junia nº, *Tra la Mondo* finas sian unuan jaron.

La intereso de tiu bela ilustrata revuo krekis ĉiunumere, tiom pro la valoro de l' artikoloj, skribitaj de anoj de l' landoj aludataj, kiom pro la beleco kaj multeco de la ilustraĵoj: proksimume 250 en la 12 kajeroj.

Niaj sampatrujanoj vidos kun aparta plezuro multajn ilustraĵojn pri nia « Blindula kaj Surdmutula Instituto en Woluwe-St-Lambert » kun priskribo de Luis Carlos; la bonegan artikolon pri Rubens, de nia klera amiko Vander Biest-Andelhof; multajn artikolojn kaj ilustraĵojn pri la Boulogn'a Kongreso, kie la belgaj Esperantistoj ludis gravan rolon.

La 12 kajeroj formos belan libron kiu taŭgos en ĉiuj bibliotekoj.

La 12ª kajero enhavas 24 paĝojn, anstataŭ 16; malgraŭ tiu pliampleksiĝo, ĝi kostas nur fr. 0,75, kiel la antaŭaj.

Oni jus sciigis nin ke la aŭgusta, septembra kaj oktobra noj estas dediĉotaj pli speciale por ilustrataj raportoj pri la IIª Kongreso, kaj kostos, kune, fr. 2,25.

De nun, ni ricevos mendojn kun mono.

Plena jarabono: 8 fr.

**Julio Cezaro,** tragedio kvinakta de W. Shakespeare, trad. D. H. Lambert; verdatuke bindita; fr. 2,00 ĉe la Brita Esperantista Asocio, 13, trundel St London, (strand).

La unua sendo, por propaganda celo, fr. 1.25. Sendkosto plie. Ni priparolos la libron poste.

**Ĝenerala Katalogo** de la *Presa Esperantista Societo* 33, rue Lacépède, Parizo Vª. — Fine, ni havas ĝin; tiu ĉi libreto plenigas veran mankon, ĉar ni jam ofte ricevis plendojn de diversaj amikoj kiuj demandis nin: kiaj estas la ekzistantaj, nun aĉeteblaj, verkoj? La respondo postulis veran laboregon. Kelkaj rimarketoj pri tiu katalogo: en la klasigo (paĝoj 2, 3, 4, 5) oni bezonus trovi la numerojn de l' paĝoj enhavantaj la montratajn rubrikojn; post la prezoj, oni vidas literojn (E. N. O. S. k. c.) kiujn la leganto ne komprenas unuavide; ili havas signifon, sed kian? La libroj estas, en ĉiu fako, klasigitaj laŭ alfabeta ordo de aŭtoraj nomoj; ni demandas nin ĉu ne plibone estus ilin klasigi laŭ ilia propra alfabeta ordo. Tion ĉi montros la sperto.

La katalogo kostas fr. 0,15. Ni konsilas ke la eldonistoj ne atendu ĝis kiam oni mendos ĝin, sed ke ili dissendu senpage ian kvanton, po unu al ĉiu konata grupo. Tio estos bona reklamo.

**La Fundamentoj de l' Pacifismo;** nº 3ª de la kolekto: « Libraro Pacifisma », eldonata de la Societo « Pacifisto », fr. 0,50 ĉe Presa Societo, 33, rue Lacépède, Parizo, Vª. — El Elie Ducommun, Honora Ĝenerala Sekretario de l' Internacia Oficejo de Paco, trad. V. Dufeutrel. — Tiu libreto enhavas la fundajn klarigojn pri la programo de l' Pacifistoj; ĝia ĉefa parto estas, laŭ ni, la ĉapitro en kiu oni klarigas ke la pacifistaj grupoj neniel intencas malfortigi kaj « *sennervigi* » la nacian defendon kontraŭ perfortaj atakoj de fremdlandoj. Per tiu klarigo la « Pacifistoj » diferenciĝas sin de l' kontraŭarmeistoj, kun kiuj ili havas nenion komunan.

**Memento de la Grammaire Espérantiste,** franca libreto 6-paĝa, de Sº C. Dieterlin. — Resumo de la esp. gramatiko; fr. 0,10 por la propagando de Esp. inter blinduloj, ĉe la *Presa Societo,* Paris. J. C.

# AMUZAĴOJ.

## PROBLEMOJ.

**Skatolo de Pandoro.** — Ĉiu el jenaj problemoj estas nomo de malsano ĉu korpa ĉu anima. Sendu ĉiujn malsanojn kiujn vi trovis al Sº Coox en Duffel, antaŭ la 25ª de Aŭgusto; li bonkore akceptos kaj pacience suferos ilin por la bono de Esperantistaro!

**PROBLEMO 54ª.** — Malpravaĵo religia sen h; perforta foririgo.

**PROBLEMO 55ª.** — I P K ndr IO.

**PROBLEMO 56ª.** — Granda nombro da musĉasantoj.

**PROBLEMO 57ª** — Radiko esprimanta la ideon « halti »; jarnombro de persono; sufikso + o.

**PROBLEMO 58ª.** — Granda besto + parto de dezerto kies kapo aliformiĝis = neresanigebla malsano.

**PROBLEMO 59ª.** — Malmola parto sur korpo; ĝenerala sufikso; vosto de nea vorto.

**PROBLEMO 60ª.** — Aro da literoj sk; antikva lingvo.

**PROBLEMO 61ª.** — Anagramo de kvalito « blua » forlasante konsonanton, antaŭirata de sursignita konsonanto.

**PROBLEMO 62ª.** — Tre ofta malsano en ostaj partetoj de l' kapo.

**PROBLEMO 63ª.** — Pasinttempa formo de io tre grandiga; nomo de konsonanto.

---

Oni sendu la solvojn, al Sº J. COOX, en Duffel, antaŭ la 25ª de Aŭgusto. Ni publikigos la nomojn de l' divenintoj. Belajn premiojn ni disdonos al tiuj kiuj estos divenintaj plej multe da problemoj.

Oni bonvolu uzi apartajn kartojn por ĉiu serio da problemoj; tion ni petas por plifaciligi la klasigon de l' solvoj kaj malhelpi erarojn.

## SOLVOJ.

**PROBLEMO 35ª.** — Kolego.

» **36ª.** — B-leki, E-bona, L-aŭdi, G-rado, U-nu, J-aro, O-fero — BELGUJO.

» **37ª.** — MI ne estas sur DA.

» **38ª.** — Jaro de neĝoj, jaro de bienoj.

» **39ª.** — Ok-ci-dento.

» **40ª.** — A z e n o<br>Z u m i<br>E m o<br>N i<br>O

» **41ª.** — Omaro, Homaro.

» **42ª.** — P l u v ŝ i r m i l o , sekve:<br>1 2 3 4 5 6 7 8 9 10 11<br>v i ŝ i, ŝ m i r i, ŝ u o, p l u v o, ŝ l i m o.<br>4 6 5 9 5 8 9 7 6 5 3 11 1 2 3 4 11 5 10 6 8 11

---

**DIVENIS.** — Sº **Chaufoureaux,** ĉiujn; Sino **Br., S j Weemaes, Letenneur, Plantano,** ĉiujn krom 37; Sº **Lundgren,** ĉiujn krom 37, 41; Sino **Bastoul,** 36, 39, 40, 41, 42; S j **Devoucoux** kaj **Rigoir,** 39, 40, 41, 42; Sº **Carette,** 39, 40.

**ERARO.** — En nia junia nº, la problemo 51ª enhavas eraron kiu preterpasis nin, tial ke la folion de nia problemisto ni transdonis tia kia al la presejo, ne analizante ĝin.

Anstataŭ: la *subjonktiva* formo,
oni legu: la *kondiĉa* formo.

---

Al niaj divenantoj, ni sciigas ke ni akceptos plezure la problemojn kiujn ili proponos al ni; sed ĉiu bonvolos atendi sian vicon por la publikigo de siaj proponitajoj.

Ĉiu akceptita problemo valoras por kalkuli la premiojn je l' profito de l' transdoninto.

Antaŭajn dankojn. J. Coox.

# Principaux Manuels en langue française.

*en vente aux dépôts de la Maison* HACHETTE & Cie *et chez* SPINEUX & Cie *à Bruxelles.*

**Grammaire et exercices de la Langue Internationale Esperanto** par L. DE BEAUFRONT. fr. 1.50
**Corrigé** de cet ouvrage . . . . . . . . . . . . . . . » 0.75
**L'Esperanto en 10 leçons** par TH. CART et M. PAGNIER . . . . . . . » 0.75
**Corrigé** de cet ouvrage . . . . . . . . . . . . . . . » 0.50
**Dictionnaire Esperanto-Français** par L. DE BEAUFRONT. . . . . . . . » 1.50
**Vocabulaire Français-Esperanto** par TH. CART, M. MERCKENS et P. BERTHELOT . » 2.50
**Thèmes d'application** par L. DE BEAUFRONT . . . . . . . . . . » 2.00
Tous ces prix s'entendent : port en plus.

---

# Nederlandsche Handboeken.

Bij den schrijver te Hilversum (Holland): **Volledig Leerboek der opkomende wereldtaal Esperanto**, door DREVES UITTERDIJCK, Trompschool, Hilversum : fl. 1.50 (fr. 3.25)
Bij den drukker van *La Belga Sonorilo*, Nieuwe Wandeling, 4, Brugge : **Het Esperanto in 10 lessen**. . . . . . . . . . . . . . . fr. 0.50
Verzendingskosten daarboven.

---

# NIAJ VIZITANTOJ.

**JOURNAUX ESPÉRANTISTES.** **ESPERANTISCHE BLADEN.**

**Sub jena rubriko ni anoncos regule ĉiujn Esperantajn kunfratojn kiuj sendos al ni sian gazeton po 2 ekzempleroj.**

**Antaŭen Esperantistoj** !!! espagnol-esperanto, Apartado 927, Lima, Pérou . . . . fr. 3.00
**Alĝeria Stelo**, mensuel, français-esperanto, M. L. LANDES, rue Michelet, 79, Alger . . . » 3.50
**British Esperantist**, anglais-esperanto, 13, Arundel street, London W. C. . . . . . » 4.00
**Esperanto-Journal**, français, (Administration de) Genève, pour 24 numéros . . . . » 3.75
**Espero Katolika**, esperanto, Mr EM. PELTIER, Sainte-Radegonde lez Tours, (I. L.) (France) . fr. 5.00
**Germana Esperantisto**, allemand-esperanto, MM. MÖLLER & BOREL, 95, Prinzenstrasse, Berlin mark 3.00
**Internacia Revuo Medicina**, en toutes langues et en Esperanto, Imprimerie Espérantiste, 33, Rue Lacépède, Paris, Ve . . . . . . . . . . . . . . . . fr. 7.00
**Juna Esperantisto**, esperanto, 9, Avenue des Vollandes, Genève (Suisse) . . . . » 2.00
**Lingvo Internacia**, bimensuel, esperanto, 33, rue Lacépède, Paris, Ve, . . . . . » 5.00
avec supplément littéraire . . . . . . . . . . . . . » 7.50
**Espero Pacifista**, esperanto, Mr GASTON MOCH, 26, rue de Chartres, Neuilly-sur-Seine (France). » 5.00
**L'Espérantiste**, français-esperanto, Mr DE BEAUFRONT, 4, rue du Gril, Louviers, Eure, (France) » 4.00
**Ruslanda Esperantisto**, russe-esperanto, Bolŝaja Podjaĉeskaja, 24, St Petersbourg. . . » 7.50
**Svisa Espero**, esperanto, Mr RENARD, 6, rue du Vieux Collège, Genève (Suisse) . . . . » 2.50
**La Suno Hispana**, espagnol-esperanto, M. JIMENEZ LOIRA, Avellanas, 11, presejo, Valencia (Espagne) » 3.00
**Tra la Mondo**, illustré, esperanto, 15, Boulevard des Deux Gares, Meudon (S. O.) France . » 8.00
**Internacia Scienco Revuo**, esperanto, M. P. FRUICTIER, 27, Bd Arago, Paris. . . . . » 7.00
**Esperantisten**, suédois-esperanto, M. P. ALHBERG, 37, Surbrunnsgatan, Stockholm (Suède) . » 3.50
**Esperanta Ligilo**, esperanto, en caractères Braille pour aveugles. M. CART, 12, Rue Soufflot, Paris, Ve . . . . . . . . . . . . . . . . . . » 3.00
**Centrameriko Esperantista**, espagnol-esperanto, Mr ABRILL, Sudalveninto, 8a Guatemala . » 3.00
**Unua Paŝo**, esperanto, M. S. PETKOV, 26, rue San Stefano, Sofia, Bulgarie . . . . » 3.00